




2/2006
Februaro/Marto

# La estraro de HES 2006

**m la jarĉefkunveno, la 9an de Februaro 2006, estis (re)elektitaj en la estraron: (de maldekstre) Benno ehr (vicprezidanto), Ralph Glomp (gastronomia prizorgado), Frank Merla (interretaj aferoj), Jürgen Wulff rezidanto), Kerstin Baasch (kasistino kaj junularaj aferoj), (sidantaj) Peggy Ley (sekretariino), kaj Gerald emer (adjunkto).**

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: *Jürgen Wulff*

Redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de Esperanto Hamburg
n-ro 4/2006: 15-05-2006

**Sentenco**

Esti malriĉa ne estas malhonoro, sed speciala
honoro ĝi ankaŭ ne estas.

*el "Anatevka"*

**Karaj legantoj,**

Post nia jarĉefkunveno mi nun salutas vin kiel nova vicprezidanto. Ĉu nova? Nu jes; mi estis prezidanto dum dek jaroj, sed **ne** vicprezidanto. Jürgen Wulff petis min, transpreni tiun postenon, ĉar mi jam nun faras multajn laborojn por la klubo kaj la kongreso en 2007, kaj tiel pli bone povos reprezenti la klubon al la ekstero. Momente mi prilaboras inform-broŝuron pri nia urbo por la kongreso en 2007. Tiun broŝuron ni disdonos jam dum la kongreso en Braunschweig, por ke la homoj spertu, ke la kongreso kun la temo "kreskanta urbo" ne nur estas interna kunveno de lingvo-spertuloj, sed enhavas multajn facetojn de moderna vivo. La evoluo de la moderna socio, ekonomiaj, socialaj, politikaj, tutmondaj, religiaj, etnaj, lingvaj kaj edukadaj defioj certe pli interesos eĉ esperantistojn, ol la revo pri la fina venko. La Hamburga kongreso donu al la germana esperanto-movado impulson al pli larĝa bazo por labori en diversaj (ne nur lingvaj) kampoj de la socio.

*Benno Klehr*

**Nia programo**

| Aprilo | Majo |
|---|---|
| **6** Diskuto kun *Kerstin Baasch:* **kiel informi pri Esperanto**<br><br>**13** *Klaus Friese* **La bild-lingvo "BLISS"**<br><br>**20** *Rudi Haberland:* **Sinonimoj en Esp. (2a parto)**<br><br>**23** *Frank Merla:* **Vortkvizo** | **4** *Rudi Haberland:* **Sinonimoj en Esp. (3a parto)**<br><br>**11** *Kerstin Baasch:* **Podkasto**<br><br>**18** *Hannelore Brunow:* **Heinrich Heine**<br><br>**25** **Ĉe-Ellen-ir-tago**<br>15 h: U-stacio *horner Rennbahn*, elirejo *Am Gojenboom*: kommuna promenado<br>16 h: Kafo kaj kuko en la klubejo |
| **La jarĉefkunveno 2006**<br><br>La 9an de februaro okazis la jarĉefkunveno.<br>Krom la estraro (vd. p.1) ankaŭ estis elektitaj la Konsilantaro:<br>Hannelore Brunow, Sylwia Pöhlmann, Dr. Vesna Staniĉiĉ-Burchards kaj Volker Kraeft.<br>Elektitaj ankaŭ estis la Kasrevizoroj:<br>Hannelore Brunow, Volker Kraeft kaj Elsbeth Wielgus | **Informado**<br><br>La 13an de Majo (Sabato) okazos sur Gänsemarkt kadre de la Eŭropa semajno informado ankaŭ pri Esperanto.<br>La 20an kaj 21an de Majo en Eppendorfer Landstraße inter multaj aliaj budoj troviĝos unu, kie ni informos pri Esperanto.<br>Helpemuloj bonvolu anonci sian partoprenon en la klubejo aŭ ĉe *Benno Klehr*. |

# **La Kreskanta Urbo** (el kongresa broŝuro)




Hamburg estas vigla urbo, vivanta urbo en sia tuta etendiĝo: Plej eminenta kaj plej evidenta estas la Havena Urbo, sed en aliaj kvartaloj, ne tiom grandaj, la urbo ankaŭ ŝanĝiĝas al moderna metropolo.

En la Universitata Klinikaro en *Eppendorf* estas konstruataj modernaj klinikaj konstruaĵoj kun mallongaj vojoj, kiuj anstataŭas la multajn pavilonojn, kiujn oni

konstruis unuope en 1884 pro higienaj motivoj. Tiel granda areo de la tereno (12 ha.) liberiĝas por tie instali entreprenojn, kiuj rilatas al medicino aŭ medicina tekniko kaj esplorado, kunlabore kun la universitato.

En la kvartalo *Barmbek* en 1910 estis enaŭgurita granda malsanulejo en arbaro. Ankaŭ tie ekzistis multaj unuopaj konstruaĵoj en granda parko. En 2006 estis inaŭgurita nova klinika bloko en tiu parko, kiu anstataŭas la malnovajn konstruaĵojn. La ne plu bezonatajn konstruaĵojn sur 16 hektaroj oni transformas al nova loĝkvartalo ene de la urbo

Laŭlonge de la rivero Elbe etendiĝas la iama haveno de *Altona*. Multaj el la konstruaĵoj estis detruitaj dum la milito kaj multaj restintaj ne plu estis uzataj. En tiu bela lokiĝo, apud la rivero, en la pasintaj jaroj estis konstruitaj multaj modernaj konstruaĵoj inter la restaŭritaj malnovaj havenaj staplejoj. La riverborda vico de konstruaĵoj sur 24 hektaroj estas nomata *Perlo-Ŝnuro*.

La *Havena Urbo* (Hafen-City) kune kun la malnova Stapleja Kvartalo (Speicherstadt) estas la havena tereno norde de la rivero Elbe. Sur 155 hektaroj oni konstruas tute novan urban kvartalon, parte kun nove uzataj centjaraj konstruaĵoj, parte kun novaj konstruaĵoj. Estos tie lokoj por loĝi, labori kaj libertempaj agadoj. Estas planita metroa linio.

En la Haveno Harburg, tie, kie en mezepoko staris la fortikaĵo de Harburg, formiĝas scienca centro (Channel Harburg). Kunlabore kun la Teknika Universitato Harburg estas konstruataj aŭ transformataj konstruaĵoj por modernaj entreprenoj sur 20 hektaroj.

En *Neu-Allermöhe* fakte antaŭe nur estis kampoj. Tie sur 144 hektaroj dum la pasintaj jaroj estis konstruita tute nova loĝ-kvartalo en tipa nordgermana stilo:

Inter la konstruaĵoj troviĝas kanaloj, ĉar la grundo inter la riveroj Bille kaj Elbe estas malseka. La kvartalo disponas ankaŭ pri la necesaj vendejoj, lernejoj kaj metroa haltejo.

Re al Esperanto en Hamburg